# Pola Esperantisto
# Esperantysta Polski

| XXXIII JARO | NRO 4 | APRILO 1939 |
| --- | --- | --- |

ELDONANTO — WYDAWCA
POLLANDA ESPERANTO-DELEGITARO
REDAKTANTOJ — REDAKTORZY
PROF. DR ODON BUJWID — MGR TADEUSZ HODAKOWSKI

Aperas la 20-an de ĉiu monato. Redakcian materialon oni petas sendi ĝis la 10-a de ĉiu monato. La redakcio estas rajtigita laŭ bezono ŝanĝi la tekston de manuskriptoj.

## AKADEMIAJ STUDOJ KAJ LINGVO INTERNACIA.

Nia estimata profesoro kaj parlamentano s-ro K. Bartel dum pasintmomataj diskutadoj en tiuj ĉi institucioj montris nenorman kaj strangan, laŭ lia opinio, konduton de nia akademia junularo, studanta dum tro longa tempo la sciencojn, kiujn oni povas ellerni multe pli rapide. Do estas perdo de la tempo, kiun junaj homoj povus uzi por utila laboro profite de si mem kaj de la nacio. Bedaŭrinde la eminenta senatano ne tuŝis la kaŭzojn de tiu ĉi malbona aperaĵo, kaŭzojn, kiujn li nepre konas kiel persono tre proksima al junularo mem, ĉar li estas la profesoro de Lwowa politeknika lernejo. Ni tre ofte vidas nian junularon aliflanke, hejme dum la studado kaj la preperado de necesa materialo por studoj, do ni ankaŭ konas kelkajn kaŭzojn de la priparolata afero, kaj pri unu el ili, plej grava por la scienca laboro, ni volas diri nun kelkajn vortojn.

Tiu ĉi kaŭzo estas la multlingveco, necesa por pli malpli seriozaj superaj studoj. Ĝis kiam la studado limiĝas je la aŭskultado de profesoraj prelegoj, je la perbuŝaj ekzamenoj laŭ iliaj kursoj, ĉio okazas en pola lingvo kaj estas en bona ordo. Sed se tuj poste iu nova adepto volas iri en pristudata scienco iomete pli antaŭen (tia deziro estas tute natura kaj necesa en supera lernejo), se li volas eĉ nur en sia skriba laboro por magistra aŭ doktora rango tuŝi iajn pli novajn atingojn en scienco, aŭ citi iajn novaperintajn verkojn, li devas enpaŝe la aferon de fremdaj lingvoj, kiujn li nepre devas koni. Kaj tia konantiĝo pri lingvoj ofte kelkaj, postulas multe da tempo. Oni ĝenerale scias, ke tempon por la sufiĉa studado de lingvoj oni ne povas havi en meza lernejo, kie ĝi estas dense okupita de aliaj tre necesaj laboroj, do oni penas trovi ĝin dum supera lernado, plilongigante la studojn. Precipe tio koncernas la vere sciencan celadon, kie la perdo de tempo ĉiam estas terura. Sed ankaŭ en ordinara studado por praktikaj iaj ajn celoj, studantoj nepre devas alkutimiĝi al tuja kaptado de ĉiuj novaperantaj en la fako ideoj kaj atingoj, al vivado en ĉiama kontakto kun scienco, senhalte iranta antaŭen. Kaj pro tio en ĝisnunaj kondiĉoj ne nur science laborantaj homoj, sed ankaŭ supere instruitaj praktikuloj, kiej kuracistoj, inĝenieroj, arkitekturistoj k. t. p. ne povas labori efike sen bona sciado ofte de kelkaj fremdaj lingvoj kaj nia junularo sentas tion jam en superaj lernejoj kaj pristudas ilin iom post iom, nesisteme, perdante, kiel ĝuste rimarkis estimata prof. Bartel, multe da necesega tempo.

Kaj jen ekstaras la demando, kiun devas

pripensi ĉiu vera esperantisto. Ĉu la menciita perdo de tempo de nia studanta junularo estas neevitebla? Ĉu nia lingvo ne povas helpi? En la simila situacio estas ankaŭ junularo de ĉiuj malgrandaj nacioj kaj precipe de niaj najbaroj, starantaj sur la sama ŝtupo disvolviĝa kiel ni kaj kiuj volas simile kiel ni partopreni en kultura kaj en scienca movado de grandaj nacioj. Do ĉu ni ĉiuj interesitoj kun helpo de sindona esperantistaro de grandaj landoj ne povas atingi pere de nia lingvo almenaŭ iam plibonigon en tiu ĉi stato?

Solvo de la problemo konsistas el eldonado en esperanta lingvo de kelkaj grandaj kaj gravaj sciencaj fakorganoj, plene kaj perfekte respegulantaj tutan mondan sciencan movadon kaj el traduko de plej gravaj publikaĵoj pri la atingitaj novaj sukcesoj en scienco kaj tekniko en stato de ne finita ankoraŭ laboro (ĉar la librojn sciencajn pri definitiva stato de iu ajn fako oni ĝenerale tradukas en naciajn lingvojn aŭ nacilingve pri ĝi instruas). Tiaprocede junularo de ĉiuj negrandaj nacioj havos ĉion necesan en unu sola kaj tre facila lingvo kaj povos uzi tutan disponeblan tempon por perfektiĝo en elektita scienco kaj fako. Ni povas diri malkaŝe, ke Esperanto estas taŭga kaj preta por tia solvo de la malfacilaĵo. Ankaŭ oni povus trovi tra la tuta mondo sufiĉe da personoj, povantaj partopreni en laboro de tia eldonado. Restas nur nesolvebla de esperantistoj mem demando pri necesa por la eldono kapitalo, tamen estas evidente, ke tie ĉi povas kaj devas forte helpi la naciaj organizaĵoj ne esperantistaj, sed ĝeneralaj, ŝtataj. Ĉar la afero koncernas liberigon de nacia kultura disvolvo forjeton de superflua multlingveco, ĝenanta kaj postulanta tro da tempo kaj tro da laboro.

Povas esti, ke eminentaj parlamentanoj kaj ministroj interesiĝos pri tiu ĉi grava, tuŝita de S-ro K. Bartel, afero kaj kunvokos interŝtatan komisionon, kie ni, esperantistoj, tre volonte partoprenus.

Inĝ. *Józef Przyborowski.*

# PUBLIKA RESPONDO AL S-RO MATWIEJCZUK.

Volontege mi respondas vian malfermitan leteron, afable al mi direktitan en marta numero de P. E. tiom pli, ke ĝi estos respondo por multaj nedemandintaj sammetodanoj. Verdire tamen mian respondon vi trovos en mia artikolo en aŭgusto — novembra numero de P. E. en 1937 j. titolita „Nia urĝa labor'!"

Nun, malgraŭ forpaso de sep kvaronjaroj la situacio esence neniel ŝanĝiĝis, do la sama artikolo validas plue. Mi devas konstati intertempan malrapidan, sed konstantan progreson. Plue mi konstatas, ke dum la tuta tempo mi neniel kontraŭbatalis U. E. A., kaj s-o Ŝapiro (almenaŭ mi ne scias pri io mala) ne kontraŭbatalis I. E. L.. Legu en raporto de pasintjara Pollanda Kongreso en Kraków, ĉu tie ni kontraŭbatalis? Neniel ja, eĉ male ni faris komunan proponon laŭ mia iniciato kaj korekto de s-o Ŝapiro (bedaŭrinde ŝajne nerealigitan). Kie do estas tiuj kvereloj, malpacoj, malamaĵoj... pri kiuj vi skribas? Ĉu estis teruraĵo, ke mi en duonjara tempodistanco sendis al vi du aliĝilojn al I. E. L.? Ja neniel, tion mi faras ĉiam rilate tiujn, kiujn mi opinias indaj kaj valoraj esperantistoj. Sed iafoje mi ne trafas tiajn, aŭ trafas malĝuste. Pardonu do, se la lasta okazis rilate vian personon.

Esence tamen vi pravas, sed nur rilate tion, ke nia movado havu prefere unu pli fortan organizaĵon. Tamen oni devas memori, ke „skismo" okazis pro tio, ke malplimulto ne volis akcepti decidon de plimulto, kio estos nepra kondiĉo ĉu por eviti skismojn, ĉu por reunuiĝo. Sed vi, kiu rimarkis tiun pereigan malpacon kaj malamon inter esperantistoj (kie do estas faktoj), ĉu ankaŭ ne faras gravan eraron, ke aparteno al unu el la Asocioj devas signifi malamikecon, malan al Interna Ideo, malhelpantan komunan interhelpadon kaj interservemon de esperantistoj? La organiza demando estas io diskutinda, sed io tute aparta, ĝi estas kvazaŭ kartludo, en kiu laŭ proverbo ne ekzistas fratoj, kio tamen ne malhelpas ilian fratan amon ekster ĝi. Eraras tiu, kiu pensas, ke ĝi nepre malamikigas nin reciproke. Ĉu vi pensas, ke mi rifuzus fari esperantistan servon al s-ro Ŝapiro, se ĝi ne estus kontraŭ interesoj de I. E L.? Sed ja ni, esperantistoj, ankaŭ estas homoj, same kiel aliaj malproksimaj de idealeco, kaj tion pruvas eĉ vi mem emfaze deklarante, ke vi estas kontraŭ aparteno al IEL aŭ UEA. Tiamaniere vi neniel helpas al forigo de la „skismo". Kiamaniere do multaj similuloj ekinfluos al reunuiĝo? Kongresojn ili ja ne povos partopreni, kvankam IEL aranĝas ilin ne nur por siaj membroj. Kian do solvon vi proponas? Ĉu malaperigon de la ambaŭ Asocioj? Kaj fondon de la nova? Kaj ree de la komenco? Vi metaforiĝas al perdita ŝafido, kiu vagas (pardonu) laŭte bleketante pro senprotekteco. Tio, ke vi deklaras prefere resti eksterasocietulo eĉ iom malĝustigas mian komparon. Restante tia, vi tute ne servas al nia afero

siapove, siakomprene, solece -- antaŭkonsciante pri senefikeco de viaj penoj. Tio estas ĵetado de ŝtonoj en senfundan barolon. Vi ne volas konscie peki kontraŭ la bela ideo de nia Majstro -- tre laŭdinde — sed, rigardante tro supren, vi ne vidas ŝtonojn survoje, kaj mem pekas, forgesante, ke en niaj tempoj eĉ la plej bela ideo neniam venkos sen praktikaj iloj, sen solidareco, sen amaso, sen disciplino — kion vi devas, kiel militisto, reale konscii kaj kompreni. Sed, bedaŭrinde, en la esperanta mondo ne ekzistas disciplino, kaj tio estas kerno de la malbono. Vi mem skribas, ke unueco estas forto — kaj tio ja estas skribita sur standardo de I. E. L. Eĉ obstine ne volante aparteni al IEL, vi povas konvinkiĝi kion kaj kiel IEL agas, ekabonante ĝian semajnan organon „Esperanto Internacia" P. K. O. 203-616, jare 8, duonjare 4 zł) Tio estas provizore mia konsilo al vi kaj aliaj rilate la bonvolan aliĝadon.

La duan problemon solvi — ne mi estas kompetenta. Ni esperu, ke — se la cirkonstancoj ne malhelpos al okazigo de XXXI Kongreso en Bern — eble ia solvo venos tie. Svislando estas minacata, pripensu do, kio estus okazinta, se ne estus IEL en Anglujo? Se vi kaj viaj samopinianoj volas ekceli reunuiĝon, malgraŭ, ke vi ne povos partopreni la kongreson — skribu amase instigojn al ambaŭ asocioj. La situacio kaj la lastaj okazaĵoj estas tiaj, ke verdire post lastatempaj perdoj la reunuiĝo estas necesega, ĝi estas vere postulo de la momento. Sed ne atendu la reunuiĝon, kiel nuran savilon, kunmetinte la manojn. Alie vi — ĝuste vi — hezitantoj — povos esti kaŭzintoj de „perdo de paradizo".

inĝ. M. Chmieliński
ĉefdelegito de IEL.

*HENRYK SIENKIEWICZ*

# *LA KAVALIRA DUELO.*

Ioman tempon ĵetadis sin Kmicic sur la batalkampo, mortfaligante rajdantojn, kaj okule serĉis princon Bogusław; fine li ekvidis lin kaj tuj ekkonis laŭ ĉevalo, blua rubandego kaj ĉapelo kun nigraj strutplumoj. La princo, ekvidinte pli grandan aron da rajdantoj kuregi en unu kaj Kmicic'on en alia flanko rekte al si, ekspronis sian ĉevalon, kaj ekrajdegis kvazaŭ cervo de hundoj pelata.

Pli ol kvindeko lin kursekvis, sed ne ĉiuj ĉevaloj samrapide kuris, do baldaŭ la amaso distiriĝis je formo de longa serpento, kies kapo estis Bogusław, kaj kolo — Kmicic. Distanco inter ili, malgraŭ tio, ke Kmicic forĵetis pistolojn por malŝarĝi ĉevalon, ne nur ne malpligrandiĝis, sed komencis kreski.

— „Ve! — ekspensis s-o Andreo — tiun ĉevalon kuratingos neniu alia en la mondo"!

Kaj kiam post kelkaj kursaltoj la interdistanco ankoraŭ pligrandiĝis, li rektiĝis sur selo, falpendigis sabron kaj funeliginte manojn ĉe buŝo, li komencis krii per trumpeta voĉo.

— „Forkuru, perfidulo, antaŭ Kmicic! Se ne hodiaŭ, do morgaŭ mi vin atingos"!

Subite, apenaŭ la vortoj estis sonintaj, la princo, ilin aŭdinte, rapide malantaŭen rigardis, kaj vidante, ke Kmicic kursekvas lin sola, anstataŭ forkuri pluen, li returnis la ĉevalon duoncirkle kun spado en mano ĵetis sin al li.

S-ro Andreo aŭdigis ĝojkriegon kaj ne malrapidigante kuregon suprenlevis sabron por ekbato.

-- „Kadavr' kadavr'! — ekkriis la princo.

Kaj volante pli certe ekbati, li komencis haltigi ĉevalon.

Kmicic, alkurinte, haltigis la sian surloke, ke hufoj ekplugis glebon kaj pintligis la spadon kun sia ŝabro.

Kaj ili kunpuŝiĝis tiel, ke ambaŭ ĉevaloj preskaŭ formis unu tuton. Ekaŭdiĝis terura fersono, rapida kiel penso, nenies okuloj povus vidkapti fulmrapidajn movojn de spado kaj sabro, nek diferencigi princon de Kmicic. Foje eknigriĝis boguslava ĉapelo, foje ekbrilis kmicica ĉenkasko. La ĉevaloj turnkuregis apud kaj ĉirkaŭ si. La glavoj tintsonis pli kaj pli terure.

Bogusław post kelkaj spadbatoj ĉesis malbontaksi la kontraŭulon. Ciuj teruraj spadpikoj, lernitaj de francaj skermomajstroj, estis rebatitaj. Ŝvito jam fluis abunde de lia frunto, miksiĝante sur vizaĝo kun haŭtkolorigiloj, li jam sentis lacon en dekstra mano.... Lin kaptis mirego, poste malpacienco, poste kolero, do li ekdecidis fini kaj li ekpikegis tiel, ke ĉapelo falis de sur lia kapo.

Kmicic rebatis spadon tiel forte, ke ĝi desaltis ĝis ĉevalflanko kaj antaŭ ol Bogusław sukcesis reŝirmi sin, li trafis lian frunton per pinto de sia sabro.

— „Krist'" — germane ekkriis la princo.

Kaj li falis en herbon surdorsen.

S-ro Andreo momente staris, kvazaŭ kon-

sternite, sed baldaŭ rekonsciiĝinte, li falpendigis la sabron, faris krucosignon, poste saltis de la ĉevalo kaj rekaptinte la sabron, proksimiĝis al la princo.

Li estis terura, ĉar palega pro laciĝo, li havis lipojn kunpremitajn kaj senpardonan malamon survizaĝe.

Jen pormorta, kaj tiom potenca malamiko, nun kuŝis en sago ĉe liaj pledoj, ankoraŭ viva kaj konscia, sed venkita nek kun ies helpo, nek per ies armilo.

Bogusław rigardis lin per larĝe malfermitaj okuloj, diligente observante ĉiun movon de la venkinto, kaj kiam Kmicic ekstaris apud li, li rapide ekkriis:

— „Ne mortigu min! Elaĉeto!"

Anstataŭ respondi, Kmicic starigis sian piedon sur lian bruston kaj tutforte alpremis, poste pinton de sia sabro li metis sur lian gorĝon tiel, ke haŭto fleksiĝis sub la klingo! li bezonis nur ekmovi manon, nur ekpremi pli forte, sed li ne mortigis unubate, li volis ankoraŭ satrigardi kaj fari la morton por la malamiko pli malfacila. La okulojn li fiksis en la liajn kaj li staris super li, kvazaŭ leono super renversita bubalo.

Subite la princo, el kies frunto la sango fluis pli kaj pli abunde tiel, ke tuta lia kapsupro troviĝis en la verŝaĵo, ree ekdiris per sufokita voĉo, ĉar la piedo de s-ro Andreo daŭre premis lian bruston.

— „Knabino.... aŭskultu...."

Apenaŭ aŭdinte tiujn vortojn, s-ro Andreo forigis la piedon de lia brusto kaj levis la sabron.

— „Parolu!" — ekdiris li.

Sed princo Bogusław ian tempon profunde spiris, fine per pli forta voĉo li respondis:

— „La knabino pereos, se vi min mortigos... Disponoj faritaj..."

— „Kion vi faris kun ŝi?" — demandis Kmicic.

— „Lasu min, mi redonos ŝin al vi, mi ĵuras... je evangelio"'...

Responde s-ro Andreo pugnobatis sian frunton, dum momento estis videble, ke li luktas kun si kaj kun siaj pensoj, fine li diris:

— „Aŭskultu, perfidulo! Pro ŝia unu haro mi donus centon da tiaj renegatoj... Sed mi malkredas al vi, ĵurrompisto!"

— „Je evangelio! — ripetis la princo. — „Mi donos al vi transiran permeson kaj skribordonon.

— „Estu do tiel, mi lasos vin viva, sed ne lasos el miaj manoj. Vi donos al mi skribaĵon... Dume mi transdonos vin al Tataroj, ĉe kiuj vi restos mallibere.

— „Konsentite" ekdiris la princo.

— „Memoru! — rediris s-ro Andreo: Kontraŭ mia mano protektos vin nek via princeco, nek militisturo, nek skermarto. Kaj sciu, ke kiomfoje vi baros al mi la vojon, aŭ ne plenumos promesvorton nenio vin defendos, eĉ se vi fariĝos germana imperiestro.. Ekkonu min! Foje mi jam havis vin en manoj, nun vi kuŝas ĉe miaj piedoj!"

— „Svenemo venas" — diris la princo: — „S-ro Kmicic, akvo certe estas proksime.... Donu trinki, kaj prizorgu la vundon"...

— „Mortaĉu, parricido!" — rediris Kmicic.

Sed la princo, certa jam pri sia vivo, kvankam vundita, reakiris memcertecon kaj respondis:

— „Malsaĝulo vi estas, s-ro Kmicic! Se mi mortos — ankaŭ ŝi..." ĉi tiam liaj lipoj palegiĝis.

Kmicic ekkuris serĉi akvokavon kaj renkontinte rajdantan tataron-subulon sendis lin alporti la akvon.

El „Diluvio" elpoligis

**inĝ. M. Chmieliński.**

*ADAM MICKIEWICZ*

## *„Fluis miaj larmoj"...*

*Fluis miaj larmoj, la varmaj...*
*Pro infanec' hejmhela, anĝela..,*
*Pro altaspir' junaĝa, malsaĝa...*
*Kaj pro aĝ' vira, martira...*
*Fluis miaj larmoj, la varmaj.*

## *Amindumo.*

*Dum al filino mi montris adoron,*
*Ne estis mi atentata,*
*Sed, kiam petis mi manon kaj koron,*
*Estis nur mi demandata.*

*Panjo pri bienoj, enspezoj parolas,*
*Onkl' — pri oficoj, premioj,*
*Kaj ĉambristino nepre scii volas*
*Pri amaventuroj la miaj.*

*Panjo kaj onklo! Mi havas neniom*
*Kaj nur sur Parnaso bienon,*
*Per plum' mi volas perlabori ĉiom*
*Ĉe la idar' — la postenon.*

*Ĉu mi jam amis? Scivolemo vanta —*
*Mi pruvos ĝin laŭ espero.*
*Lasu lakeon, ĉambristin' pedanta,*
*Vizitu min dum la vespero.*

*Elpoligis inĝ. M. Chmieliński*
*Toruń.*

# DU FANTOMOJ.

Rampantaj, gluecaj, deprimaj ombroj de pluva, aŭtuna nokto, envolvis per vualo de nepenetrebla nigreco, pluvegtorente vipatan teron. Volvaĵigitaj, malpuraj nubarflokegoj, pelataj per senbrida furiozo de vento, kuregis rapide, fulmafluge, en nekonatan, gravedan je krepusko, per noktokrepo envolvitan malproksimon. Konstantaj, sed fortegaj, pasiegaj ventegekblovoj, minacaj en sia elementa potenco, renversadis arbojn, forŝiradis pajlajn kabantegmentojn, per diluvo superverŝadis la mondon, minacis per detruo... Inter gluecaj kiel gudro, nigraj, kiel funebra krepo, krepuskoj kaj noktaj ombroj embuskis Io... timiga, malbonaŭgura, minaca... Tiu „io" iris al silentaj, enigitaj en dorminerteco, mizeraj, vilaĝaj kabanoj, kie suverene reĝis dormo, kie regis silento, trankvilo, kvietigo... malbonaŭgura kaj kolera, timiga, minaca, terura... graveda je malespero, larmoj, doloro, tragedio... iris... io.

Iris...

El senfundaĵoj de inferaj abisnoj... iris...

Iris... du fantomoj...

Du fantomoj malbonaŭguraj... Frenezo kaj Krimo.

— — — — — — — — — —

Inter kvar muroj de malpura, mizera kabaneto, trankvile kaj tiel silente, tiel dolĉe dormas malgranda familieto: patro, patrino kaj dumonata infaneto. Tie, post fenestroj, rabiegaj elementoj kondukas sian satanecan diboĉon, tie ĉi — silento, kvieto, dormo...

Egala, trankvila ekspiro levas la brustojn de la dormantoj, atestas pri ilia malmola, profunda, senvizia, sensonĝa dormo.

En profunda, malmolega dormo enigitaj, ili dormas... silento... Nur de tempo al tempo tiun profundegan silenton interrompas mallaŭtega, apenaŭ aŭdebla pepeto..

Tio, malgrandega estaĵeto...

Huuuuu! — bojhurlas satanride rabiega, malbeninda ventego...

Kaj tie ĉi... tiel trankvile... krepusko, nokto, malpleno... kaj tiu silento... Minaca estas la silento, tiu...

Tio - silento antaŭ tempesto...

...ĉar tien ĉi, inter tiu profunda silento, enpaŝis... du fantomoj... la monstra Frenezo kaj la sanga Krimo...

Ĉi tie, en tiu mizera kabaneto post kelkaj minutoj estos ludata, de Sorto reĝisorata... dramo... dramo... monstra, senekzempla dramo de homa vivo...

— — — — — — — — — —

La monstra fantomo de frenezo per minaca, kadavreca mano ektuŝis frunton de la vivo... la frunton de la patro kaj edzo... la nizaj, kurbigitaj ungegoj, ungegoj de satanosendolore trapenetras kranion... brutece ekkaptas la cerbon, intermiksas normale kon, struitajn kaj normale dislokitajn ĉeletojn...

Taŭzas, ŝiras...

Kaj samtempe la sanga mano de krimo, enigis siajn ungegojn en koron...

— — — — — — — — — —

La viro ektremis... egala, trankvila spirado subite ekĉesas... momento de silento, silento ankoraŭ pli timiga, pli minaca... en aero ekpendas teruro... rapide kuras sekundoj, enfalas eternon ..

Rapide, palpebrume ellitiĝas subite la vivo... eksidas sur litrando... senmovajn, flamantajn okulojn enpikis en ekpentriĝantan en la krepusko silueton de l' infaneto. La konvulsie skuata korpo kliniĝis super la lulilo kaj subite...

— Ne! Ci ne sufokos min!

Konsterniga, timiga, tiom pli timiga, ĉar neatendita, subita, tombmalplenece inspira, internokta silento malbonaŭgure, terurege sonanta ekkriego, ektaŭzegis subite la aeron kaj skuis la murojn de la mizera kabaneto. Kaj estiĝis...

Spasmege, per konvulsia ekpremego de rabiulo, kaptita subite la korpo de l' infaneto, kun nekomprenebla rapideco ekvorticis tuj ĉi tie ĉe plafono, ekturniĝis kunbrue, kunfajfe (ah, superhoma estas forto de rabiulo...) kaj! ... kun obtuza, karakteriza, en vejnoj sangonglaciiga ekkrako de disfendita kranio, samkiel tondrosago falegis sur elstarantan kamenkornicon. Falegis ĵetita per titana forto de la furiulo, ekŝprucis la cerbo kaj sango de la kapeto en splitojn disbatita kaj refalis inerta, senmova, kiel senutila, senbezona objektaĉo, sur sangitan kaj cerbmakulitan plankon.

— — — — — — — — — —

Kaj tiun ĉi malbonaŭguran scenon, prilumatan per flagra lumeto de mizera lampaĉeto, ekrigardis malfermitaj larĝe, konsternitaj, vitrecaj okuloj de la patrino. Rigardis... sed nenion jam vidis. Ĉar tio estis nur estingiĝintaj, mortaj okuloj de... kadavro.

— — — — — — — — — —

Kaj strange. Psikiatroj post longedaŭra esploro opiniis lin tute mensosana, konsente asertis, ke sian monstran krimon li faris sub influo de subita nervekscita kaj eksterordinara psikorompiĝo. Li eksentis fortegan spiritekskuon, elvokitan per timiga ia vizio,

kio tamen, estante eĉ grava mensaberacio, ne estis tute frenezo.

— La murdon li faris konscie! — konstatis konsente la kuracistaro — kaj murdante sian filon, bone li sciis, kion li faras.

— — — — — — — — — —

Longe daŭris la afero... preskaŭ ses monatojn, sed fine oni konfirmis verdikton. Vanis bombastaj paroladoj de advokatoj. Justo ektriumfis: oni konfirmis mortverdikton. La murdanto de la propra infano estis kondamnita je morto... per pendigo.

— — — — — — — — — —

Dum li ekstaris sur ŝtuparo de pendigilo kaj ekzekutisto surmetis la banton sur kolon, liaj lastaj vortoj estis:

Mi foriras la tombon senbedaŭre! Mi tute ne bedaŭras la de mi faritan krimon! Male! Mi kontentas! Mi savis la homaron de plej danĝera krimulo, kiu iam ajn vivis sur la tero! Mi mortigis patromurdanton! Mi vidis liajn viktimojn! Mi vidis frakasitajn kraniojn, buĉegitajn gorĝojn, mi vidis sangon, morton, kadavrojn! Mi vidis lin... mian filon... murdanton, krimulon, luphomon! Li murdadis, buĉadis, sufokadis... Kaj poste venis min... aperis minaca, malbonaŭgura, kun krimsigno survizaĝe, kun sango sur manoj, kiel Kain! Kaj diris! Ho, Kristo, Kristo! Ĝi ja estis nur sonĝo, sed sonĝo tiom monstra, tia konsterna, timiga kaj tia.. klara! Samkiel en efektivo! Ankoraŭ nun, ŝajnas, mi vidas lin! Li surĵetis la ŝnuron sur mian kolon kaj diris, satane ridegante! Aŭskultu, kion li diris al mi. — Kaj kiam venos via tempo, mi sufokos vin, patro! Mi sufokos vin propramane, mi sufokos vin kaj ĝojos pro timiga turmento via! Pro agonio via! Vi mortos en tago de mia naskiĝdatreveno... en... — kaj li indikis eĉ tagon, kaj jaron de mia morto, indikis daton, kiam li plenumos sur mia persono la krimon de patromurdo! — Kaj aŭskultu, patro — li diris, ridante lucifere — tio, kion vi nun vidas, tio estas nur sonĝo, sed tiu sonĝo plenumiĝos: vi mortos, mortos sufokite, mi vidas vian grizbluan vizaĝon, eliĝantajn okulojn, eligitan, sangruĝan langon... vi mortas, agonias, stertoras, viaj pulmoj krevas, vi baraktas inter atakoj de teruraj, antaŭmortaj turmentoj, sed vane: mia mano estas forta, fingroj miaj fortikaj kiel ŝtalo, premegas, sufokas pli kaj pli forte, pli kaj pli fortike, la vivo forkuras de vi, morto enrigardas viajn okulojn... vi mortas, sed mano de via filo ne forlasas sian ŝtalecan ekpremon, ĝis vi agonios, ĝis vi mortos! Ĝi estas nur sonĝo, sed por vi, fidu min, ke ĉi ĉio plenumiĝos, mi donas al vi signon: dum vi vekiĝos, kliniĝu super la lulilo, super mi, kaj mi ripetos al vi... ripetos la mortverdikton...

Mi vekiĝis! Senkonscia pro konsternego, tremante tutkorpe mi kliniĝis super la lulilo kaj inter noktaj krepuskoj...

Homoj! Momentoj de mia vivo estas jam kalkulitaj! Mi iras... tien! En landon de la morto, en landon de ombroj, en reĝujon de mortintoj! Kaj jen en lasta momento de mia vivo mi ĵuras al vi je savo de mia animo, ke mi diras veron! Mi estu kondamnita de Dio, se mi parolas nevcron, se mi mensogas antaŭ vi! Mi ekaŭdis tute klare, kiel tiu dumonatulo diris silente, sed per klara, homa voĉo... diris silente, sed tute aŭdeble:

Mi sufokos vin!

Kaj mi tiam mortigis... mortigis, kiel oni mortigas vipuron...

Kaj mi ne bedaŭras...

Ĉar pli preferinde estas morti de manoj de ekzekutisto, ol de tiuj de la propra filo! Miloble pli preferinde...

— — — — — — — — — —

Oni pendigis lin.

*Eugeniusz Matwiejczuk.*

---

## *EŬRAZIA REVO.*

*Ho granda Eŭrazio, ĉefa kontinento!*
*Kiom da gravaj fortoj povas doni vi!*
*Kiom da riĉaĵoj, oro kaj arĝento,*
*Kiom da gloraj homoj en ĉiu naci'!*

*Kaj tiaj gravaj fortoj, riĉaĵoj sen-*
*[nombraj]*
*Perdiĝas pro la vana emo al milit'.*
*Anstataŭ lumo hela, ĉie regas ombroj,*
*Anstataŭ krea amo, koroj el granit'!*

*Do venu pli rapide sanktega konscio,*
*Heligu la mallumon de la kontinent'!*
*Kaj ebligu, ke ĉiu aparta nacio*
*Flori povu dum jaroj de cento ĝis cent'!*

*Revemulo.*

## ĈE TOMBO DE L' MAJSTRO.

*En krepuskoj tombaj, en trankvil' kaj gloro,*
*kuŝas vi nun pace... kara Majstro nia,*
*post la viv' turmenta, post la grandlaboro,*
*Vi foriris laca, for... al mond' alia,*
*kaj nun dolĉe dormas en la tomb' silenta,*
*je la Grandafero jam indiferenta.*

*Inter ĉerkmalpleno kaj mallumegaroj,*
*jam delonge dormas vi en terinterno,*
*super tombo via fluas tagoj, jaroj...*
*sen reten', sen eĥo fuĝas... al eterno,*
*nur en tomb' sonetas inter mortmuteco,*
*de vermar' siblata kant' de nenieco.*

*Sed kruela morto vin de ni rabinte,*
*ne sukcesis tamen rabi vian verkon,*
*kiun pro Homamo al homar' doninte,*
*Vi enpaŝis laca, por ripoz' en ĉerkon,*
*kaj dum anoj viaj vin pro ĝi honoras,*
*ĝi genia, viva... kreskas kaj disfloras.*

*Kvankam horizonto ree iĝas nuba,*
*kvankam strangaj tondroj fojfoje ekmuĝas,*
*kvankam packonservo reestiĝas duba,*
*kaj la ter' mizera pro fikrim' sangruĝas,*
*super bru' batala sonas konsekvence,*
*kant' de Nova Sento... pli kaj pli potence.*

*Sub la milda, hela, verda lumo mola,*
*kreskas pacideo sankta kaj beninda,*
*sur la teroj franca, svisa, belga, pola,*
*dana, ĉina, persa, angla, latva, hinda...*
*sur la ter' usona, sur la ter' holanda ..*
*kreskas ĝi eterna, viva, sankta, granda...*

*Eugeniusz Matwiejczuk.*

## KRIMINOLOGIOSCIENCAJ REVUOJ INTERNACIAJ...

Kiom da lingvoj oni devas scii por kompreni kriminologiosciencan revuon?

La redaktoro de la kriminologio-scienca revuo, al kiu mi kunlaboras, sciigis min, ke lastatempe komencis aperadi du novaj revuoj tiaspecaj, kaj li deziras, ke mi prenu je mi la taskon fari el ili recenzojn kaj analizojn. Post mia akcepto kaj post leterinterŝanĝo inter la koncernaj redakcioj kaj la mia, — mi ricevis du vere belajn sciencajn eldonaĵojn INTERnaciajn.

Unu el ili estas: „REVUE INTERNATIONALE DE DOCTRINE ET DE LEGISLATION PENALE COMPAREE", bele kaj modele presita, konsistanta el ĉirkaŭ 100 paĝoj kaj eldonata de konata kriminologo profesoro de la Bucuresta universitato, Jean MORUZI.

Ricevinte la revuon mi tuj komencis trarigardi ĝian enhavon.

Tuj altiris mian atenton franclingva rimarko: „Les etudes seront publiées dans la langue même oú leurs auteurs les auront rédigées" (La verkaĵoj ustos publikigotaj en la lingvoj, en kiuj ili estos verkitaj). Kaj efektive: la unua artikolo estas franclingva: foliumante plie, mi trovis verkon en itala lingvo, sekvis germanlingva, denove itallingva

kaj fine longa vico da raportoj en la rumana lingvo... Mi ekpensis, denove tralegis la leteron de mia redaktoro, kaj mi ekfoliumis la duan revuon, ricevitan samtempe. Tiu eldonaĵo aperas en Estonio, Tartu, redaktas ĝin profesoro de la tiea universitato, Sro H. Madissoon. La titolo de la revuo estas „PRO JUVENTUTE BALTICA“ (latinlingve: por la balta junularo). Ĝia enhavo estas presita en la franca, angla kaj germana lingvoj (feliĉe, ke ne en la estona).

Mi denove ekmeditis pri la deziro de mia redaktoro. Nun la afero okupis min pli forte: mi demandis min, por kiu estas publikigitaj tiuj revuoj? Ĉu multaj el iliaj legantoj, el iliaj kunlaborantoj komprenos la TUTAN enhavon de la eldonaĵoj, al kiuj ili kunlaboras. Krome mi dezirus plej afable demandi la altestimatajn profesorojn, la redaktorojn de la revuoj: „B“. Ĉu vi, tre estimataj sinjoroj redaktoroj, komprenas viajn verkojn, kiujn vi tiel bele publikigas? Kaj se ankoraŭ jes; La revuoj puklikigas longajn listojn da kunlaborantoj, famaj scienculoj el pluraj landoj „kies verkoj aperos en la lingvoj, en kiuj ili estos verkitaj“. Kien do ni alvenos tiam? Estante eĉ maksimuma optimisto rilate la lingvoscion inter la kriminologio-scienculoj (el la praktiko mi scias, ke tiaj poliglotoj estas esceptoj, la regulo montras la malon; je tiu temo, cetere, mi skribos post mallonge) — mi ne hezitas konstati, ke post baldaŭ, kiam en la venontaj numeroj de la revuoj aperos verkoj hispanlingvaj, ruslingvaj, — kaj kial ne hungarlingvaj, svedlingvaj, pollingvaj, ĉeĥlingvaj, nederlandlingvaj, ktp. ktp. (Kial ne, kial ne? ĉiuj nomitaj lingvoj povas esti reprezentataj per famaj scienculoj) — tiam certe nek la redaktoro, nek la kunlaborantoj, nek (tiom malpli) la abonantoj kaj legantoj, povos kompreni tion, kion ili deziros kaj devos kompreni. Ni havos do tiam vere INTERnaciajn revuojn, komprenatajn poparte en ĉiu lando...

La ĉi suprajn rimarkojn mi tiras, pli malpli, el letero (ne esperantlingva) al la redaktoro de mia revuo, al kiu mi aldonas ankoraŭ: „Jes, kara sinjoro redaktoro, nun mi ankoraŭ preskaŭ povas fari la recenzojn de la priparolitaj revuoj — krom la angla kaj rumanlingva partoj, ĉar tiujn lingvojn mi ne komprenas.

Sed estonte, kiam la revuoj aperos en aliaj lingvoj, tiam mi ne scias kiamaniere ni solvos la problemon. Eĉ se mi tuj komencu diligente studi ankoraŭ la anglan lingvon, ĉu mi povos garantii tiun kunlaboron“?..

Ni certe bone taksas la laborojn de la estimataj profesoroj MORUZI kaj MADISSOON, kiuj komprenis la lingvajn barojn en la internacia kunlaborado sur la scienca kampo. Por ni, esperantistoj, la respondo estas klara, facila kaj logika: kaj tiam oni povus havi revuojn vere INTERNACIAJN, ne nur ne alireblajn por famaj scienculoj, sed kompreneblajn eĉ por simplaj homoj, havantaj ian ajn intereson por tralegi opinion de fama kriminologo alilanda.

*D-ro Henriko Gielb.*

# NE POLICO, SED KONSCIO.

Ni nun travivas malbonajn, maltrakvilajn monatojn kaj jarojn kaj homa animo subkonscie aŭ konscie serĉas rimedojn kontraŭ tiu ĉi stato nekontentiga por ricevi konvenajn kondiĉojn de norma paca disvolviĝo. Kaj en tiu ĉi tute natura penado antaŭ ĉiuj marŝas niaj esperantistoj, ĉar por ili tiaj maljustaĵoj de la ekzistanta stato internacia, de tiuj ĉi militoj kaj de la senforta politiko paca estas pli netolereblaj, ol por iu ajn alia kategorio de civitanoj. Do multaj el ili nun pensas, laŭte parolas en mallarĝa rondo de siaj amikoj kaj iafoje eĉ verkas pri la malfeliĉaj cirkonstancoj de la nuna vivado. Plej ofte tiu ĉi verkado estas nur kritiko, justa sed ne tre interesa, ĉar ĝi ne enhavas ian utilan, krean tendencon, tiel naturan en vortoj de esperantistoj, alie antaŭenrigardantaj homoj, sed iafoje oni povas renkonti ankaŭ proponojn de iaj plibonigoj, de iaj rimedoj kontraŭ komuna malfeliĉo, kiuj, bedaŭrinde nur tre malofte estas bonaj, senriproĉaj.

Jen lastatempe Lordo Davies en „Brita Esperantisto“ kaj en „Heroldo“ tuŝas la menciitan temon kaj proponas t. n. „Novan Komunumon“ kiel savan boaton por ĉiuj danĝeroj de internacia vivo. Laŭprojekte „Novan Komunumon“ konsistigas ia juĝeja institucio en nacie sendependaj personoj, dependa tamen en tutaĵo de Ligo de Nacioj kaj krom tio el internacia polico, esperante parolanta por efektivigo de decidoj de tiu ĉi juĝejo, do por punado kaj devigado de prijuĝitaj nacioj. La ideoj ne estas novaj: Ligo de Nacioj kaj internaciaj tribunaloj en malĝojaj interrilatoj de nacioj. La internacia polico ankaŭ ne estas nova ideo. Al mi ŝajnas, ke elpensis ĝin kaj popularigis en siaj romanoj la fama angla verkisto H. G. Wells. Jam dekkelk jarojn ekzistas en Anglujo societo por disvastigado de tiuj ĉi ideoj (lastatempe nomata „Kosmopolis“), kiu tamen ne havas sufiĉan sukceson eĉ en Anglujo, preparita per verkoj de la menciita tre ko-

nata verkisto. Kaj ne estas mirinde! Polico estas bona rimedo en relative malgrandaj komunumoj, kie loka societo konas persone ĉiujn policanojn kaj aŭtomate kontrolas ilian agadon. Polico en skalo tutnacia aŭ ŝtata jam estas malpli bona organizaĵo kaj en demokrataj landoj oni ĝin anstataŭas per polico, dependa de apartaj komunumoj. Estas tute evidende, ke en monda skalo bona polico ankaŭ en kazo de teknikaj eblaĵoj estas afero tute neebla, ĉar pro malbona kompreno de lokaj rilatoj kaj interesoj kaj pro propra, tre ofte diferencanta de tiu loka, vidpunkto, ĝi tre facile povas fariĝi plej maljusta diktatoro, defendanta plejfortulojn. Ne diru responde pri la mara angla polico, kiu bone influis en komercaj kaj vojaĝaj aferoj, ĉar tio ĉi nun jam estas la pasintenco kaj en kontinentaj analogiaj aferoj tia tempo jam pasis antaŭlonge. Nun temas ne pri malmultenombraj kaj nefortaj piratoj en tre vasta teritorio, sed pri organizitaj nacioj, dense loĝantaj kaj havantaj proprajn tute justajn vidpunktojn. Ĉu povas unu sola komunumo, tribunalo kaj polico kontentiĝi tiajn diversajn tra la tuta mondo tendencojn kaj vidpunktojn, ĉu ili povas kompreni la diversaspektajn interrilatojn? Kaj se tio ne estas ebla, ĉu ni povas atendi nur perforton, nur malbonŝancon de malpli forta nacio. Kaŭzo de tia eraro estas klara: oni volas uzi policon, tre bonan por malgranda komunumo, en granda kaj tute alia komunumo supernacia, kie polico eĉ principe tute ne taŭgas.

Tion ĉi subtenas kaj konfirmas konsideroj de tute alia speco. Antaŭ du jaroj mi starigis en malgranda broŝureto „Nia Vojo" ĝeneralan iradon de homa ara disvolviĝo, kiel konsistantan el tri ĉefaj fazoj nome: familio, nacio kaj supernacio. Kaj mi supozis, ke ĉiun el la fazoj karakterizas kiel ĉefa ĝia eco kaj necesa konsistparto unu el la tri ĉefaj ecoj de ĉio vivanta, firme starigitaj en filozofio orienta kaj sukcese aplikitaj en tieaj opinioj kaj sistemoj religiaj, moralaj kaj kuracaj. Tiamaniere amo karakterizas familion, volo aŭ forto — nacion kaj konscio aŭ intelekto — supernacion. Tia ordigo de tiuj ĉi ses ŝajne sendependaj reciproke nocioj permesis al mi bone kompreni la kondiĉojn de internacia vivo kaj laboro kaj eĉ starigi konvenajn praktikajn decidojn, kiujn nepre konfirmos praktiko. Kaj nun ni bone vidas dank'al tia ordigo en konsento kun antaŭaj praktikaj konsideroj, ke polico, kiel ĉefa rimedo por supernacio tute ne taŭgas, ĉar ĝi ofte eĉ kontraŭas kaj detruas dum luktado la konscion, ĉefan kaj necesan econ de supernacio.

Do ne polico, sed konsciigo supernacia estas necesa por nin savi de niaj internaciaj malordoj. Multaj personoj subkonscie divenas tiun ĉi necesecon, sed tre ofte ili pensas, ke tiucele oni devas speciale influi junularon, kvazaŭ kreante ian novan specon de internacia aŭ sennacia homo, ne ekzistanta en naturo. Nenio simila! Edukado de junuloj apartenas sendube al familio kaj nacio kaj nenia utilo supernacia povus okazi, se ni prenus tian gravan kaj pezan taskon por plenumi ĝin supernacie. Supernacio nur devas, kaj ne per ia instruado, sed per la fakto mem de sia ekzistado, influi jam instruitajn, maturajn homojn, kvazaŭ spiritigi ilin, farante pli komprenemaj rilate al plej supraj celoj de homa ekzistado, al destinoj de la supernacio. La afero estas multe pli facila ol kreado de kontentiga internacia polico, ĉar efektive koncernas nur la plej instruitajn homojn de ĉiu lando aŭ ties parto kaj konsistas el plifortigo de naturaj ĉefaj ecoj homaj, bone konataj jam en frua antikveco. Do ne policon oni devas prepari, sed agi parole kaj skribe por la plej larĝa konscio, por kompreno de tiu nova kaj ne por ĉiuj kutima regiono de homa vivo — de supernacio. Esperantistoj devas pri tio antaŭ ĉio pensi kaj verki, ĉar venko en tiu ĉi regiono estas por ili multe granda kaj nekompareble pli natura, ol la plej bona, esperante parolanta, polico.

*IPE.*

# KONFESO DE ALMOZULO.

Gajaj voĉoj dissonis en vilaĝa kabano kie kunvenis gejunularo dum vintra vespero. Unu kun alia rakontadis ĝojigajn spritaĵojn, la gejunularo ŝercis kaj ĝoje amuziĝis. De tempo al tempo eksplodis ridoj inter la ĉeestantoj dum... post la pordo de la kabano furiozis malvarma vintra vento, kaj neĝokirlo frapis la fenestrojn. Blankaj neĝeroj gluiĝis al la vitroj, kvazaŭ ili volus eniri internen por sin kaŝi de la furioza vento, kiu senfine forblovadis ilin antaŭen, kaj antaŭen...

Sed la geknaboj preskaŭ ne rimarkis tion kaj... tute ne volis scii, kio dume okazis sur la kortego. Estis ia vetero, pri kiu oni parolas: „domaĝe estas la hundon forpeli"...

La tuta vilaĝo dormetis sub la neĝa kovrilo, kaj nepenetrebla mallumo, kiu ĉirkaŭis la regionon, montris, ke, ho ve! estas al tiu, kiu tiutempe ne troviĝis sub la tegmento... cetere, neniu el la geknaboj opiniis, ke iu povas troviĝi tiutempe en la mallumo, kaj neĝokirlo. Eble lupo, eble alia besto, sed neniam homo!...

Kaj... tamen...

Tiamaniere forpasis kelkaj horoj, dum subite iu frapis la pordon de la kabano Ci tiu signo montris, ke la nova gasto ne estas loka, ĉar lokaj enloĝantoj ne praktikis tiun kutimon.

La pordo malfermiĝis, kaj efektive la homo, kiu eniris en la kabanon — estis fremdulo, nekonata al ĉeestantoj. Li estis maljuna almozulo.

Post saluto al la ĉeestantoj, la maljunulo longe silentis, ĝis kiam li denove eligis la voĉon, petante la mastron, ke li akceptu lin por la tranokto. La mastro konsentis.

Tiam la maljunulo demetis la saketojn kaj sidiĝis ĉe la forno por varmigi la frostintajn korpomembrojn. Dum li iomete varmiĝis, li komencis rakonti pri siaj aventuroj dum longa migrado. Kaj la maljunulo estis parolema! La gejunularo ĉirkaŭis lin, kaj scivoleme aŭskultis, kion li rakontis.

Ho, kion li sciis!... Ĉie li estis, kaj multe, multe li vidis, ĉar li venis de malproksime. La rakonto de la maljunulo tre plaĉis al la gejunularo, ĉar ĝi estis tre interesa. Tamen, ne nur lia rakonto... Tuta lia eksteraĵo montris, ke tiu maljunulo ion travivis, ion, kio restigis signon sur lia korpo, sur lia vizaĝo...

Precipe ĉiujn ĉeestantojn atentigis granda ĝibo, kiun havis la maljunulo sur la dorso. Ĝia formo montris, ke ĝi ne devenas de la naskiĝo, sed ĝi ekestis pro tragika akcidento...

Fine unu el ĉeestantaj aŭskultantoj kuraĝis demandi lin pri kaŭzo de ĉi tiu ĝibo.

La maljunulo komence hezitis, ĉu diri, ĉu ne, sed fine li konsentis rakonti pri historio de sia vivo.

Miaj karuloj — li daŭrigis — tio, kion vi vidas kunligiĝas kun malĝoja rememoro de mia pasinteco. Ĝuste mi ne devus paroli pri tio, ĉar ĝi estos hontiga kaj maldolĉa al mi. Sed, se mi konsentis kontentigi vian scivolemon, mi faros tion nur por via eventuala vivinstruo!

Antaŭ multaj jaroj mi estis juna, vigla kaj sana. Mi heredis sufiĉe grandan terposedaĵon post morto de mia patro. Kvankam nenio mankis al mi por la vivteno, kvankam mi estis laborema, tamen mi ne kapablis egaliĝi al la najbaroj de mia vilaĝo. Preskaŭ ĉiuj el ili estis pli riĉaj ol mi, kaj vane mi cerbumis pri tiu fakto.

Ĝis... iun fojon mi demandis unu el ili, kiamaniere li mastrumas, ke li estas pli riĉa ol mi, kvankam li posedis pli malmultan terposedaĵon. La najbaro ruze ekridis, signife palpebrumis, kaj diris:

Stultulo! vi ne divenas? Domaĝe estos! Sed se vi volas, mi povas perfidi al vi sekreton...

Longe rakontis al mi la najbaro pri tiu „sekreto", kaj fine mi ĉion sciis, kaj mi solvis la enigmon!... Kvankam komence mi hezitis, tamen la sukcesoj de la najbaroj kaj iliaj instigoj por imiti ilin — konvinkis min!...

Tiamaniere mi fariĝis... rabisto!... Eble vi divenas, ke similaj rabistoj estis preskaŭ ĉiuj miaj najbaroj. Nia vilaĝo situis ĉe la ŝoseo, sur kiu regis granda trafiko de la komercistoj, kaj aliaj riĉaj vilaĝanoj, ĉar nemalproksime estis granda urbo.

Ambaŭflanke de la ŝoseo estis granda arbaro, kiu estis plej konvena rifuĝejo por la rabistoj. Malgraŭ persvadoj de miaj najbaroj, ke mi aliĝu al ili por komuna „laboro", mi decidis fari tion unuope.

Iun nokton mi eliris sur la ŝoseon kaj insidis en la arbaro. Longe mi atendis, ĝis kiam aperis sur la ŝoseo la ĉevalveturilo. Kiam mi ekvidis ĝin, tuj mi pritaksis, ke ĝia posedanto devas esti riĉa vilaĝano, ĉar luksa estis la veturilo kun bone nutrita ĉevalo. Mi tuj decidis forrabi la veturilon kun la ĉevalo...

Tiucele mi eliris sur la ŝoseon, kaj aliris al la veturanto, petante lin, ke li iomete alveturigu min. Mi ŝajnigis, ke mi estas de malproksime, kaj mi estas ege lacigita.

Sur la vetuvilo sidis maljuna homo kun blanka barbo, kiu favore plenumis mian peton kaj akceptis min sur la veturilon. Mi sidiĝis ĉe lia flanko, kaj ni komencis interparoli. Lia laŭŝajna malforta staturo ĝojigis min, ke mi havos „facilan laboron". Interparolante kun li, mi pripensis planon, kiamaniere forŝovi lin el la veturilo. Do mi decidis, ke per la brako mi forpuŝos lin, kaj poste mi mem prenos la kondukilojn kaj vipon...

Amike parolante, mi traveturis du kilometrojn. Subite... mi forte forpuŝis lin per kubuto!... La maljunulo eĉ ne moviĝis!... Varmege fariĝis al mi, sed tuj mi pardonpetis lin, ŝajnigante, ke mi ekdormis dum la veturado kaj senvole mi puŝetis lin.

Nenio grava — respondis la maljunulo kaj daŭrigis la veturadon.

Post kelka tempo mi kunprenis ĉiujn fortojn, kaj subite mi denove ripetis forpuŝon!... Denove la maljunulo eĉ ne moviĝis!...

Ho, ondo de varmega sango frapis miajn bruston, kaj kapon! Momente mi estis sendecida, malgraŭ, ke mi orientiĝis, ke la situacio estos danĝera por mi...

Tiutempe la maljunulo nenion respondis, kaj haltigis la ĉevalon. Poste li elsidiĝis el la veturilo, kaj... kaptis min per unu mano ĉe la kolumo, per alia mano ĉe la piedoj, kaj suprenlevis min kiel plumon!... Tuta mondo

turniĝis antaŭ miaj okuloj! Mi estis konvinkita, ke jam estas lasta momento de mia vivo...

— — — — — — — — — —

Longe mi kuŝis senkonscia sur pinta ŝtono ĉe la ŝoseo, sur kiun dorse ĵetis min la maljunulo. Dum mi rekonsciiĝis — grandega doloro en la dorso konsciiĝis al mi, ke mi ankoraŭ vivas... Sed tiu doloro konvinkis min, ke mia vertebraro — estas trarompita!

Mi ne kapablis leviĝi je la piedoj, sed ankaŭ mi ne volis, ke iu alia trovu min ĉe tiu tragika ŝtono... Do mi „kvarpiede" kaj je la ventro post kelkaj horoj revenis hejmen. Ĝis nun neniu scias, kio okazis al mi. Se iu demandis min pri tio — mi mensogis, kaj mi rakontis pri elpensita akcidento.

„Kaj... tiamaniere fariĝis mia ĝibo sur la dorso — finis la paroladon la almozulo.

Depost tiu tempo mi ne kapablis labori kaj mi fariĝis almozulo. Sed nun mi ĉie anoncadas, ke fremda posedaĵo — estas sanktaĵo, kiun oni ne rajtas tuŝi... Dio juste, juste, punis min, sed bona Dio permesis al mi pentofari mian pekon"!...

La maljunulo finis la rakonton, kaj du larmoj ekfluis de liaj palpebroj.

*Jan Daszkiewicz*

Łódź.

# ALVOKO AL MEMBROJ DE IEL.

Karaj kaj estimataj gresamideanoj! Atmosfero, kiun ĵus travivis kaj travivas la mondo post konataj politikaj okazaĵoj kaj en atendado de la sekvontaj estas tiel streĉa, ke multaj el vi certe estas devigitaj deturni vian atenton de nia asocio kaj de ties celoj. Ne estas mirinde, ke viajn unuajn pensojn absorbas zorgo pri defendopreteco de nia lando, kio trovas konvenan esprimilon, sed trovu ĉi-momente unu penseron pri nia movado, pri nia asocio. Jen ĝi denove ricevas gravan vundon: Aŭstrujo, Germanujo, Ĉeĥoslovakujo — pli ol mil anoj perditaj.. Por cikatrigi tiujn vundojn ni devas ne ŝpari fortojn. Rigardu! Ankaŭ Svislando estas minacata sidejo de U. E. A. — Kio estus okazonta, se siatempe ne estus ekestinta I. E. L. kun sidejo en Anglujo? Nur pripensu: kelkaj grandaj ŝtatoj estas minacataj per okazaĵoj, kiuj ne difektis ilian korpon. Kion ili faras do? Ili sin armas, koncentrigas kaj plimultigas fortojn, ŝutiĝas propravolaj donacoj por akcelo de koncernaj fortostreĉoj, kvankam verdire tiu puto neniam estas plenigebla. Kaj jen vi havas alian vidaĵon — nia asocio (kaj movado) ricevis gravan vundon, kvankam tute ne mortoportan. Ĉu ne estas nia devo helpi al ĝi? Certe jes! Ĉiu helpu do laŭ sia povo kaj eblo. Viaj helpoj ne estos senrezultaj, ĉar memoru, ke en via laboro helpos vin samsocietanoj, en la tuta mondo, ne nur en nia lando, do tiom pli baldaŭ la breĉo farita en nia korpo estos ŝtopita.

Kompreneble, ne ĉiu povas helpi sammaniere, unu pli monhava povas helpi aliĝante kiel MJ, se li estas Membro asocia, kiel MA se li estas MJ kaj MAH, se li estas MA. La malpli monhava povas ankaŭ helpi aĉetante t. n. „helpkuponojn" po 0·55 zł ĉe mi aŭ aliaj delegitoj. La senmonuloj povas ankaŭ helpi varbante membrojn el ekster la asocio, aŭ el asociaj membroj, kaj tiu ĉi helpmaniero ne estos malpli valora ol aliaj, ĉar de ĝi dependas rekresko de membronombro de nia Asocio.

Karaj gesamideanoj! estu certaj, ke tiuj ĉi oferoj — kompare al tiuj, kiujn vi nun devas dediĉi al nia lando, estas neproporcie malgrandaj, kaj ja nia amo al nia afero ja ne estas multe pli malgranda, ol nia patriotismo.

Memoru, ke iam la provizore perditaj membroj revenos al ni. Kaj tiam ili demandos nin, kiel fartas nia movado, ĉu eble ni jam venas al la celo. Kion ni diros al ili, kaj ĉu ili ne estos trompitaj en siaj esperoj, kiuj ilin nutris ĝis reveno al ni?

Samideanoj! Ne pensu, ke la situacio estas por IEL minaca. Niaj vicoj kreskas, kaj tiun kreskon montras komparaj ciferoj de nuna kaj lasta jaro. Sed por ke en dua jarduono ne sentebliĝu la perdo de anoj en koncernaj landoj, kiuj ĝis nun ne realiĝis, jam nun ni devas pli intense eklabori. Ĉu vi rifuzos?

Per aliĝiloj, informoj, provekzempleroj mi ĉiam al vi servos. Mi fidas je via sindonemo.

inĝ. M. Chmieliński

ĉefdelegito de IEL.

Toruń, Krasińskiego 4 (PKO. 203-616).

## *ĈU ĜUSTE?*

*D. Kio estas ĉefkialo, ke bov' voston movas?*
*R. Ĉar la vosto movi bovon tute ja ne povas!*
*D. Kial de bovino nigra lakto tamen blankas!*
*R. Ĉar ĝis nun kun nigra lakto, blank-bovino mankas!*
*D. Kial foren... al arbaro kuri lup' aspiras?*
*R. Ĉar arbaro kuri lupon... ve!... ne ekdeziras!*
*D. Do, per kio diferencas gurd' de ventr' ho, frato?*
*R. Gurdo ludas por amuzo, ventro — pro malsato!*
*D. Kia estas diferenco inter pul' kaj Lolo?*
*R. Lolo sidas sur la seĝo, pul' sur Lola kolo!*
*D. Fil'!... per kio diferencas pork' de hom' ebria?*
*R. Vi mem, paĉjo, bone scias!... diferenc'... nenia!*
*D. Kiu kiun senŝeligas? — diru kelkajn nomojn...*
*R. Impostisto mizerulon, mizerul'... terpomojn!*
*D. Kaj finfine: kiel venkon de l' Afer' akceli?*
*R. Ne labori, sed konsili kaj sen fin'... kvereli!*

*Eugeniusz Matwiejczuk.*

## B I B L I O G R A F I O.

Revuo de revuoj:

En **„Nederlanda Esperantisto“** (Gerard Schaepstraat 7, Amsterdam-West), nro 4 de 1939 ni legas s. t. „Pacaj soldatoj“:

Kiam mi intencis verki ĉi tiun artikolon, tiam mi sufiĉe hazarde retrovis en „Litova Stelo artikoleton, kiu enhavis diversajn aferojn, kiujn multaj el ni individue povas fari. Tamen ĉiuj agoj kune prezentos gravan helpon por la movado. Mi nun ne citos ĉion, sed donos nur kelkajn indikojn.

Multaj el ni kelkfoje devas korespondi kun eksterlando. Ofte por komerco aŭ aliaj rilatoj oni devas uzi unu el la fremdaj lingvoj. Nu, en konvena okazo vi demandu, ĉu oni eble povas korespondi ankaŭ en Esperanto, ĉar tio estas pli oportuna por vi. Kaj en sekvonta jaro vi eble povos ĝentile ripeti la demandon, ĉu oni eble nun povus korespondi en Esperanto. Ne ĝenu vian korespondenton per longa propaganda letero, se vi scias, ke li nepre ne ŝatos tion, nur demandu pri la eblo. Se venos multaj tiaj petoj ĉe unu firmo, tiam lertaj komercistoj certe ne malatentos tion.

Diversaj personoj el ni kelkfoje devas vojaĝi en eksterlando. Ili nepre uzu ĉiujn eblojn por profiti el la avantaĝoj, kiujn Esperanto donas. Petu informojn ĉe la delegitoj de IEL, se iel eble vi loĝu en hotelo, kie oni uzas Esperanton. Ĉiam vi unue demandu en hoteloj, kafejoj, restoracioj kaj butikoj: „Ĉu vi parolas Esperanton?“ — Se vi poste tamen devos uzi alian lingvon, tiam per kelkaj vortoj menciu, ke vi preferus paroli en Esperanto.

Se vi devas partopreni en internacia kongreso, kunveno, konferenco, tiam vi atentigu pri Esperanto kiel bela, facila kaj neŭtrala helplingvo, kiu estas egala por ĉiuj.

En diversaj rondoj kaj societoj, en kiuj vi partoprenas en via loĝloko, vi certe kelkfoje trovos la okazon, paroli pri nia idealo. Ne estas necese, ke vi ĝenu la homojn per ĉiamaj propagandaj paroladoj. Sed certe en la konversacio vi havos la okazon foje mencii la nomon Esperanto.

Se vi per Esperanto povos helpi al iu privata persono, al institucio aŭ firmo, kiu havas malfacilaĵojn en la korespondado kun eksterlando, tiukaze vi helpu. Per via helpo vi montros la utilon de nia lingvo pli bone ol per kelkaj propagandaj paroladoj.

Per kelkaj ekzemploj mi montris aferojn, kiujn privatuloj povas fari. Ĉiu el ni faru tion, kion li (ŝi) povas, ĉiu estu soldato en la paca armeo. Ankaŭ paca armeo povas venki nur, se la soldato faras sian devon. Kaj kiam vi atingis gravan sukceson, tiam vi raportu al la gvidantoj kaj iam vi scias bonan ŝancon por sukceso, tiam vi petu helpon por atingi la sukceson. Gr.

**„Jugoslovenska Pošta, Telegraf i Telefon“** oficiala organo de la Asocio de PTT-oficistoj (Beograd, Malajnička 13, Uredništvo)

en ĉiu n-ro enhavas angulon s. t. „Esperanta informservo“, kiu entenas interesajn novaĵojn pri la lando kaj tiu faka asocio. Interalie ni legas tie en n-ro 133:

Ĉiuj provoj en nia lando, ke oni administru laŭ la aŭtoritataj metodoj disbastiĝis pro la nerompebla demokrata kredo de la popolo, kaj ĝenerala konvinko estas, ke tiaj provoj plu ne ripetiĝos.

**„The British Esperantist“** (142 High Holborn, London, W. C. 1) en marta n-ro prezentas jarraporton de Brita Esp.-Asocio, kie ni legas, ke bilanco por la j. 1938 atingis preskaŭ 3.600 funtojn sterl., kio elokvente atestas pri financaj spezoj de la Asocio kaj pri gia forto (egalas al 90.000 zł!) Ni revas de 2 jaroj pri „5.000-fondo“ kaj apenaŭ ni ekprogresetis.

# RADIO.

**Per radio Esperanto eniras sur kampon vere praktikan! Subtenu la E. dissendojn Skribu al la stacioj!**

## PROGRAMO DUM APRILO

**La horoj estas indikitaj laŭ mezeŭropa tempo.**

### REGULAJ ĈIUSEMAJNAJ DISSENDOJ.

**Dimanĉe:**

9.45—10·00 Lille: Esperanto-kroniko.

22·30—22·45 PRC 7. Mineira (96 kil.) „Momento de Esperanto“.

10·10—10·25 Kortrijk (204 m) Kroniko de G. Debrouwere.

**Lunde:**

18·20—18·35 Suisse Romando (443 m): Esp. kurso de P. Bouvier.

19·45 — 20·00 Montpellier - Languedoc (224 m) Kroniko de A. Capoulade.

20·00—21·00 JV 2 RL Caracas (51,72 m) Parolado.

21·50—22·10 2RO 3 (31,13 m) ewentuale Romo II (245 m) Semajna informado.

23·45—0·30 Paris PTT (431 m) Esperanto-teatraĵo.

**Marde:**

21·20—21·35 Kaunas (1936 m) Klaipeda Memel 531 m) Lyiae (35 m) „Nia anguleto“.

22·00—22·10 Turi (410 m), Tartu (579 m), Tallinn (229 m) E. kroniko.

22·25 — 22·40 PRF5 (31·58 m), PRF 2 Rio-de-Janeiro (780 m): Informoj kaj kantoj.

23·35—23·40 PRF3 (31·58 m), PRF2 (780 m), Rio de Janeiro, Oficialaj informoj kaj kantoj dum la „Horo de Brazilo“.

22·25—22·40 PRF3 Sao Paulo (960 m), informoj kaj kurso.

**Merkrede:**

2·45—3·45 XECR (50·17 m) Mexico — Esperanto-kroniko.

15·00—15·20 Paris PTT (431 m) — E. kurso de C. Roseau.

19·45—20·00 LTI Rosario (384 m): Esperanto-kroniko.

**Ĵaŭde:**

10·30 — 10·45 Paris PTT (431 m): Esp.-kurso.

**Vendrede:**

2·45—3·45 XECR Mexico (50·17 m) — Kroniko.

**Sabate:**

10·30—11·— 7 HO HOBART — E. kroniko

14·45 — 15·00 Lille (247 m): Esp.-kroniko de f-ino Andre kaj R. Curnelle.

17·15—17·30 Loksbergen-Limburg (202 m), Esperanto-kvaronhoro.

18·40 — 19·00 Roma II (245 m); IRF (30·52 m) kaj 2RO9 (31·02 m)— Turisma kroniko.

20·00—20·15 PRF 8 Pernambuco (960 m): Informoj, kantoj kaj kurso.

0·30—1·00 Barcelona (377 m), Pri Hispanujo.

* * *

### LJUBLJANA REGULE DISSENDOS!

Lastmomente oni informis nin, ke Radio Ljubljana ĉiun lastan vendredon en la monato ĝis aŭgusto — dissendos esperantlingvan paroladon, ĉiam je 22·50 — 23·00.

**De „Hungarlanda Katolika Esperanto Societo" Budapest, Gèza-utca 4. félemenet, ni ricevis jenan tre simpatian leteron:**

Tre estimata Prezidantaro!

Okaze de tiu ĉi granda, ĝojplena, historia okazintaĵo, ke ni, hungaroj, rericevis kelkajn partojn de nia amata patrujo, kruele kripligita en Trianono, rericevis per la sukcesplena helpo de la poloj, de nia fratpopolo, akceptu — ni petas niajn sincerajn, el profundo de la hungaraj koroj devenantajn dankojn.

Vivu Pollando! Vivu la poloj!

Kun vera saluto en la nomo de la Hnngarlanda Katolika Esperanto Societo.

Budapest, 31. III. 1939.

*Zöldy István* a. gv. prezidanto. *Marizell Ágostin dr* prezidanto.

* * *

Pro la fakto de la senpera najbariĝo ankaŭ ni, poloj, esprimas nian sinceran ĝojegon, esperante, ke la komuna landlimo fariĝos por niaj nacioj forta ligilo kaj instigilo por plej intima paca kunlaboro.

*Pola Esperantistaro.*

★ ★ ★



## KONSTANTY STECIUK

Dum suna varmo aŭ neĝa vento staris ĉiutage, de mateno ĝis vespero, ĉe str. Marszałkowska antaŭ la restoracio „Pod Bukietem" juna blindulo kun blanka bastono en mano kaj sako kun diversaj ĵurnaloj, kaj senĉese vokis per raŭkiĝinta voĉo: „Wieczór i Dooobry... Goniec Warszaaaaa..." Gazetvendisto.

* * *

Multaj varsoviaj samideanoj konis lin kaj, trapasante, ofte alparolis esperante. Li estis modela esperantisto. Esperanton li parolis perfekte. Tre inteligenta kaj kapabla, li orientiĝis fulmrapide en ĉiuj organizaj problemoj. Li legis multajn brajlajn gazetojn kaj librojn. Li konis ankaŭ francan lingvon.

* * *

Lastan fojon li estis ĉe mi la pasintan aŭtunon. Li estis tiam feliĉa: diris ke li baldaŭ edziĝos Nun mi eksciis ke, post kelkmonata ftizomalsano, li mortis — precize dum Kristnasko.

Unu el plej aktivaj blindaj esperantistoj en Varsovio, bona samideano, sentema, takta, delikata, kun estingitaj okuloj, sed kun varma koro kaj travidanta menso — Konstanty Steciuk forlasis tiun strangan mondon, kie li vivis soleca inter homoj.

Ripozu, kara, malfeliĉa amiko, en paco!

Eugeniusz Rytenberg.

★ ★ ★

**De s-o Oskar Berman (nun: Tel-Aviv. Javne 24) ni ricevis jenan leteron:**

Altestimata Sinjoro Profesoro, Kara Samideano!

Forlasante por ĉiam Polujon por ekloĝi en Palestino, la lando de miaj antaŭuloj dum amika adiaŭa vespero kun varsoviaj gesamideanoj, mi sentas la agrablan devon plej kore saluti kaj adiaŭi la Eminentan Gvidanton de nia Pollanda Esperanta Movado.

Mi deziras al Vi pluan fruktodonan laboron por la bono de la homaro.

* * *

Dankante pro la memoro kaj kore adiaŭante vin, estimata Samideano, mi deziras al vi ĉion plej bonan sur la nova vojo de via vivo. *O. B.*

# DEKJARA JUBILEO DE „UNIVERSO".

La 21 IV 1939 la Vilna Esperantista Societo „Universo" solenas sian dekjaran jubileon. Tio estas solenaĵo de sindonema kaj idea laboro sur la verda kampo en tre maloportunaj kaj nekonvenaj tempoj

„Universo" estis fondita de D-ro D. Fajnŝtejn, D-ro A. Goldburt, D-ro A Gurwicz, K. Gerŝater kaj B. Zalmanson post tutjara penado pri legaliĝo de tiu ĉi sola juda esperantista societo en la mondo.

La komenco, kiel ĉiu komenco, estis malfacila. Sed baldaŭ ekgrupiĝis unuopaj esperantistoj en nia urbo ĉirkaŭ la akso de la novefondita societo. Komenciĝis vigla laboro.

Post dujara ekzisto „Universo" povis noti gravan antaŭpaŝon: disponigante je malgranda monsumo, ĝi tamen eldonis kaj multnombre disvastigadis la unuan kaj unikan propagandan broŝuron pri esperanto en la juda lingvo, verkitan de D-ro A. Goldburt sub titolo „La Internacia Helplingvo".

La ideo de esperanto akceptiĝis sur la fekunda grundo en Vilno. La anaro pligrandiĝis.

En 1933 „Universo“ sentas sin tiom forta, ke ĝi disvolvas tre viglan propagandon kontraŭ la aranĝo de la Internacia Esperanta Kongreso en germana urbo Köln, kie jam regis la nazismo, disvastigante multnombre specialan „Alvokon al la tutmonda Esperantistaro“, represitan ankaŭ de la eksterlanda gazetaro. Energian kampanion pri la sama demando oni ankaŭ daŭrigis dum la VI-a Tutpollanda Kongreso en Varŝavo.

En la tiama tempo en Wilno ekzistis kelkaj esperantistaj grupoj kaj rondoj: la esperantista grupo ĉe la lernejo „Ŝul-kult“, kiu tre vigle kelkjare agadis sub la direktado de D-ro A. Gurwicz kaj kunlaboro de s-anoj L. Subotnik kaj J. Ŝuster. (La lernejo de „Ŝul-kult“ estis la unua kaj siatempe sola en Polujo, kiu enkondukis esperanton kiel konstantan lernobjekton, kaj al ĝia grupo la movado en Wilno multe ŝuldas).

Ankaŭ ĉe la Vilna Juda Scienca Societo („Vilbig“), kiu en la 1925 aranĝis la unuan esperantan kurson en la juda lingvo, ekzistis esperanta rondo, kiu dum kelkaj jaroj daŭrigadis interesan laboron poresperantan, sub gvidado de s-ro K. Gerŝater.

Same laboris vigle rondo ĉe T. E. R-o. („Turista Esperantista Rondo“ ĉe Juda Landkonema Societo), gvidita de s-ano S. Ŝik.

Ĉi tiuj supre nomitaj esperantistaj grupoj kaj rondoj aliĝis al „Universo“ en 1934, kune kun siaj posedaĵoj, kiel arkivoj, bibliotekoj k. t. p.

Ankaŭ la Vilna Esperantista Rondo Akademia („VERA“) post sia likvido fordonacis parton el sia biblioteko el nia societo.

Nur dank' al unuigitaj fortoj la movado ekpulsis pli rapide.

En la jaro 1937 „Universo“ klopodis, bedaŭrinde senrezulte, per motivigita memorialo ĉe la vilna urbestraro pri nomiĝo de strato je la nomo de la majstro.

En la sama jaro nia societo oficiale riĉe partoprenis la 29-an Jubilean kaj en ĝiaj kadroj kunvokis la unuan fojon Tutmondan Konferencon de Judaj Esperantistoj. Ĉi dutaga konferenco rezultis la decidon krei Judan Esperantistan Ligon Tutmondan (JELTa).

Post unu jaro „Universo“ devis tuŝi kordon tre malagrablan: kaŭze de la kruelaj kaj abomenaj atakoj kontraŭ Judoj en Germanujo, „Universo“ eldonis akran protestalvokon al la tutmonda esperantistaro, kiu estis represita de multaj esperantaj kaj neesperantaj gazetoj.

„Universo“ gvidas konstantan poresperantan laboron, aranĝas kursojn, klubon, ekzistas ĉe la societo literatura rondo sub gvidado de D-ro A. Gurwicz, aranĝas akademiojn, prelegojn, ekspoziciojn, k. t. p.

Laste „Universo“ aliĝis al P. E. D.

La nuna Komitato de „Universo“ konsistas el jenaj personoj: D-ro D. Fajnŝtejn (Prezidanto), D-ro A. Gurwicz kaj s-ro M. Perelman (Vicprezidantoj), L. Subotnik (Sekretario), D-ro Goldburt, K. Gerŝater, S. Ŝik kaj B. Zalmanson.

Adresoj por leteroj: D-ro D. Fajnŝtejn, Vilno, Poŝtkesto 35 (por „Universo“).

★ ★ ★

Dum vespero, aranĝita de la Vilna Esperantista Societo „Universo“, Dro E. Olsvanger el Palestino, prezentis interesan projekton, nome: por eternigi la memoron de D-ro L. L. Zamenhof, oni fondu en Palestino*) kolonion je lia nomo, kie oni povus ankaŭ konstrui esperantistan ripozdomon por la grandega nombro de turistoj vizitantaj ĉiujare Palestinon, inter kiuj certe troviĝas multaj samideanoj.

La Zamenhof-kolonio fariĝus la loĝloko por la esperantistoj, disĵetitaj nun tra la tuta lando, kiuj propravole dezirus loĝi kune laŭ la principoj de l' interna ideo de esperantismo. Ĝi povus akcepti por daŭra loĝado ankaŭ esperantistojn venintajn el aliaj landoj.

Se la esperantistaro, precipe la hebrea, dece subtenos la projekton, al kies efektiviĝo konsentis ankaŭ la familio de nia Majstro, ĝi povas fariĝi realaĵo jam post kelkaj jaroj.

*) Nun en Palestino laboras diversaj hebreaj esperantistaj organizaĵoj kaj kluboj (en Jerusalemo, Tel-Aviv, Hajfa, Betleem k. a.). — Inter la araboj Esperanto estas disvastigita tre malmulte ĉefe pro tio, ke ankoraŭ ĝis nun ne ekzistas en la araba lingvo esperanto-lernolibroj, kaj la araboj dezirantaj ellerni la internacian lingvon estas devigataj studi ĝin laŭ la skribleciono] eldonitaj de la universitato en Aleksandrio (Egiptujo).

## De' la Redakcio.

**S-ro n-ro 1** (laŭ la ruĝe skribita cifero sur kovrilo de la gazeto). Ni konsilas eviti strangan vortordon kaj tro oftajn vortkunmetaĵojn, kiuj malrapidigas la komprenon kaj ne efikas bele. La manuskriptojn bonvolu skribi pli legeble kaj memoru, ke la kompostisto tute ne konas la lingvon kaj tial li ne distingas bone la similajn literojn. Por pruvi al vi, kiel multe oni devas korekti en presprovaĵoj, ni almetas la unuan. Dankon pro la kunlaboro.

**S-ro n-ro 2** (laŭ la ruĝe skribita cifero sur kovrilo de la gazeto). Al vi eĉ en pli granda grado rilatas la rimarkigo kaj peto pri pli legebla skribado. Bonvolu kompari kiel multegaj estas la eraroj pro la nesufiĉa legebleco! Dankon pro la kunlaboro!

Ĉiujn niajn estimatajn kunlaborantojn ni petas skribi tre legeble (maŝino — tre dezirinda) kun sufiĉa distanco inter linioj (maŝine — n e n i a m per distanco n-ro 1). Ŝparu okulojn de la redaktanto kaj de la kompostisto!

---



---

ABONO: jare zł 8·—, duonjare zł 4·—. Por societoj kaj grupoj esperantistaj jare zł 6·— Eksterlande 7 sv. fr. Aparta numero zł 0·70, duobla zł 1·40.

ANONCOJ: 1/2 paĝo zł 30·—, 1/4 paĝo zł 15·—, 1/8 paĝo zł 10·—. Korespondado: anonceto de 10 vortoj (krom adreso) zł 1·—.

PRENUMERATA: rocznie zł 8·—, półrocznie zł 4·—. Dla Towarzystw i grup esperanckich rocznie zł 6·—. Zagranicą: 7 fr. szw. Numer pojedynczy zł 0·70, podwójny zł 1·40.

OGŁOSZENIA: 1/2 strony zł 30·—, 1/4 strony zł 15·—, 1/8 strony zł 10·—. Korespondencja: małe ogłoszenia z 10 słów (prócz adresu) zł 1·—.

Przekaz rozrachunkowy: kartoteka Nr 29, Kraków 2. — Konto P. K. O. Nr 406. 60.

REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO: KRAKÓW, LUBICZ 34.

---

Wykonano w Drukarni Miejsk. Muz. Przemysłowego w Krakowie. Redaktor odpowiedzialny: Dr Leon Rosenstock.